# Esperanto en Azio kaj Oceanio

**(Azia-Oceania Komisiono de UEA pri Azia-Oceania Esperanto-Movado)**
**N-ro 103**
Bulteno de KAOEM
Aprilo 2019

---

## Mi transdonos la laboron de redaktado de "Esperanto en Azio kaj Oceanio" al nova redaktanto

**Hori Jasuo**

Mi redaktadis nian revuon komence tri-foje kaj poste kvar-foje jare ekde 2001 ĝis nun dum 18 jaroj. Mi estas fiera pro tio, ke dum tiuj jaroj mi neniam interrompis la eldonon kaj regule redaktadis, sed mi jam estas 77-jara. Venis tempo transdoni tiun taskon al nova redaktanto s-ro Kaŭamoto Hiromi de Japanio.

La unua "Esperanto en Azio" 12-paĝa aperis en majo 1990 redaktita de Joakim Werdin (polo). Ekde la numero 6 s-ino DOI Ĉieko (japanino) prenis la taskon kaj ŝi redaktadis ĝis la 38a numero en julio 2001. Ekde la numero 39 en septembro 2001 mi prenis la taskon kaj redaktadis ĝis tiu ĉi numero. Do mi redaktis entute 65 numerojn dum 18 jaroj. Dum tiuj jaroj mi estis tre okupita sed kontenta pro mia plenumita laboro. "Esperanto en Azio kaj Oceanio" estas tre grava por nia movado. Sen tiu informilo, neniam venus nuna prospera agado en Azio. Mi forte esperas, ke la nova redaktanto sincere plenumos sian taskon kaj nia revuo pli kontribuos al la movado. Adiaŭon al karaj legantoj!

# Nepalo

## Sukcese Okazis 13a Internacia Himalaja Renkontiĝo 2019




La 13a Himalaja Renkontiĝo okazis de la 26-a de februaro ĝis la 8-a de marto 2019. Partoprenis la tutan programon entute 34 esperantistoj, kaj simila nombro, parton. La partoprenantoj inkluzivas 12 personojn el Japanio, 2 el Rusio, 2 el Danio, po 1 el Germanio, Pollando; ĉiuj aliaj estis nepalanoj. La ĉi-jara celo de la programo estis konigi la naturon kaj kulturon de Nepalo pere de Esperanto.

La programo komenciĝis la 26an de februaro per akceptado de la gastoj; Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) formale bonvenigis ilin en la 27a vespere en Marsangdi-hotelo en la distrikto Thamel de Katmanduo. Ĉefa gasto s-ro Hori Jasuo el Japanio, KAEM-ano d-ro Mukunda Raj

Phatik, Renkontiĝo-ĉefo s-ro LP Agnihotry kaj prezidanto de NEspA s-ino Indu Devi Thapaliya solene malfermis la programon. Deziris sukceson de la Renkontiĝo reprezentantoj el jenaj landoj: Japanio: s-ro Hori Jasuo; Pollando: Ilona Koutny, Danio: Peter Wraae; Germanio: Martina Sachs-Bockelmann; Rusio: Andreo Penkov.

Post du tagoj dediĉitaj al ekskursoj en la katmandua valo, komenciĝis sestaga piedvagado la 1an de marto. Ni ekmarŝis de Feba-lago en Pokhara, kaj en la 4a de marto atingis la pinton “Panchhase Hill Top” (ĉirkaŭ 2500 metrojn altan), trairinte Kalabang (1600m), kaj Panchhase Vanjang (2000). Krom unu nokto en Panchhase Vabjang, ni ĉiam restis en hejmoj de vilaĝanoj. Niaj gastigantoj en montaro plejparte ofertis organikajn manĝaĵojn produktitajn en la vilaĝoj, ĉar nia celo de la Renkontiĝo estis, ke partoprenantoj spertu la belan naturon kaj asimiliĝu kun loka kulturo, kaj ĉiuj estis tre kontentaj.



Tamen la partoprenantoj ne nur ĝuis la naturon, la etnan vivon kaj manĝaĵojn, sed ankaŭ kontribuis al protektado de la bela naturo, kolektante rubaĵojn survoje. Bonŝance kaj feliĉe la vilaĝo, ĉe kiu ili tranoktis, celis, ke ĝi estu turisma vilaĝo sen rubaĵoj. La vilaĝanoj bonvenigis ilin kaj tre dankis ilin pro ilia kuraĝiga ago. (Foto: S-ro Hori donacis rubaĵprenilojn al la vilaĝestro)

NEspA kun granda tumulto ekde sia ekzisto pasigis 29 jarojn, laborante por la florigado de la loka kaj regiona movado. Ĉi-jare ni fokusis je ekologio kaj interkultura komunikado. Ni invitis veteranajn

esperantistojn kiel s-ron Hori Jasuo kaj prof-inon Ilona Koutny. En Katmanduo ili prelegis en lernejoj.

Okazis la solena ferma ceremonio en la 8a vespere je la 5:30 en sama hotelo. NEspA disdonis ateston al la partoprenantoj de la Renkontiĝo kaj nepalan ĉapon “Topi”. NEspA honoris per ŝalo ĉiujn partoprenantinojn. Antaŭ la Fermo ĉiuj gastoj esprimis opiniojn pri la Renkontiĝo. Ĝi estis fermita de la prezidanto de NEsA. Kaj poste sekvis nepala kaj araba danco de Martina el Germanio kaj nepala junulino Abilasha.

Fine ni dankas al ĉiuj organizantoj kaj individuoj, kiuj helpis nin por sukcesigi la Renkontiĝon ĉi-jare en Nepalo.

Bharat Ghimire <nespa.1990@gmail.com>

## La 5a Sud-Azia Seminario kaj la 4a Speciala Renkontiĝo

Nepala Esperanto-Asocio decidis okazigi la 5an Sud-Azian Seminarion (SAS) en Katmanduo en oktobro 2019. Ĝi okazos de 16a ĝis la 20a de oktobro. Kaj sekvante ĝin, okazos la 4a Speciala Ekskurso (ekde la 20a ĝis la 27a de oktobro 2019). Jen detaloj

16a: Registriĝo kaj bonvenigado
17a: Inaŭguro kaj programeroj
18a: Ekskurso en Katmandua valo
19a: Diversaj programeroj
20a: Fino de SAS, kaj ekkomenco de la Speciala Renkontiĝo.
21a: Nabalparasi
22a: Lumbini
23a: Pokhara
24a: Gorkha
25a: Reveno al Katmanduo
26a: Adiaŭa vespero
27a: Forflugo.

Ni planas okzigi ankaŭ la sekvan Azian Kongreson en Nepalo. Tion ni jam decidis dum 8a Azia kongreso en Ĉinio.

Bharat Ghimire <nespa.1990@gmail.com>

# Japanio

## Agadoj de Japana Esperanto-Instituto (JEI)

**1. Informado**

1) "Esperanto Nun," al amaskomunikiloj (2014-, 4 fojojn jare)

- La 2-a Komuna E-Kongreso de Japanio kaj Koreio (septembre)
- Esperanto kaj "Tago de la Gepatra Lingvo" kaj "Internacia Jaro de Indiĝenaj Lingvoj" (februare)
  Japana kaj Ajnua versioj de la afiŝo por "Tago de la Gepatra Lingvo" estis faritaj.



2) Partopreno en Tergloba Festo (Global Festa JAPAN 2018)
Tokio, 29 septembro,
5-minuta E-kurso ktp.

3) La 3-a Filmetkonkurso pri Esperanto (2019)
La varbado komenciĝis en oktobro 2018.
Limdato: 15 aŭgusto
La premiado okazos en la 106-a Japana Esperanto-Kongreso.

**2. Kongresoj**



1) La 2-a Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio
(La 105-a Japana Esperanto-Kongreso kaj La 50-a Korea Kongreso de Esperanto)
Dato: la 12an – la 14an de oktobro, 2018 en Nara
Temo: Diverseco kaj Komuneco

de Kulturoj – en Esperanto
Aliĝintoj: 543 (partoprenantoj 422), 445 el Japanio, 78 el Koreio, 7 el Ĉinio kaj 13 el aliaj 11 landoj

2) La 106-a Japana Esperanto-Kongreso memore al la 100-jara jubileo de JEI
Dato: la 12an – la 14an de oktobro, 2019 en Saitama
Temo: La mondon malfermas Esperanto-Interkompreno kaj pluen

**3. Memor-projektoj por la 100-jara jubileo de JEI en 2019**

JEI estis fondita en la 20a de decembro en 1919.

1) Kampanjo por plimultiĝo de novaj JEI-membroj kun specialaj rabatoj de la jarkotizoj（junio 2018〜marto 2020）
2) Redaktado de "La 100-jara historio de JEI" (provizora nomo)
3) Farado de DVD enhavanta ĉiujn numerojn de "La Revuo Orienta" (1920-2019)
4) Bonigo de la biblioteko en JEI (datumbazo de libroj)

Raportis SUZUKI Keiichiro

## Jacugatake-Esperanto-Domo



En la montaro de Jamanaŝi estas biblioteko/kursejo de JEI. Tie estas tro malvarme en vintro, do la Domo estas fermita. La 6an de aprilo komitatanoj kolektiĝis kaj malfermis ĝin por la jaro 2019. La Domo fakte konsistas el du konstruaĵoj: unu estas dormejo kun 15 litoj kaj la alia estas biblioteko, manĝejo kaj kuirejo. Oni povas mem kuiri manĝaĵojn kaj ĝoje ĝui manĝadon. Dum unu jaro kutime uzas la Domon 350 homoj. La komitato atendas vian viziton.

(Hori Jasuo, hori-zonto@water.sannet.ne.jp)

## Koreio

### Koreaj Verduloj Pliaktiviĝas, pliviglîĝas

OH Soonmo (Brila) Vic-prezidanto de Korea Esperanto-Asocio

Trarigardante la movadon en Koreio dum la lasta unu jaro, ĝi estis unu el la plej aktiva, vigla kaj produktema tra la historio de KEA. Jen mia raporto pri kelkaj elektitaj entreprenoj.

**1. La 2a Komuna Kongreso kaj la 50a Korea Kongreso**

Okazis la 2a Komuna Kongreso de Japanio kaj Koreio en urbo Nara, Japanio, en oktobro 2018. 68 koreoj partoprenis la 3-tagan eventon kaj paralele celebris la 50an korean kongreson en Japanio! Japana Esperanto-Instituto (JEI) proponis al Korea Esperanto-Asocio, ke la komuna kongreso okazu en ĉiu kvina jaro alterne en ambaŭ landoj, kaj, ke sekve la 3a Komuna Kongreso lokiĝu en Koreio en 2023 post 5 jaroj. KEA akceptis la proponon de JEI.

**2. Tago de Esperanto-libro**




KEA inaŭguris la unuan Tagon de Esperanto-libro la 15-an de decembro 2018 en la kadro de la Zamenhof-Tago. Celante ne nur legadon de Esperanto-libroj sed ankaŭ verkadon en kaj pri Esperanto, la Asocio invitis kvin 'Aŭtorojn de la Jaro', kiuj verkis aŭ tradukis dum la jaro (Vidu 4). La kerno de la tagordo estis publikigo de premiitoj de 'La

legantoj de la jaro'. Ses libro-amantoj elektiĝis inter pli ol 40 aliĝintoj en 'Kampanjo por la legado de Esperanto-libro', kiu daŭris de junio ĝis novembro 2018 kaj ricevis premiojn nomitajn omaĝe al famaj esperantistoj.

### 3. La 28a Internacia Kurskunveno de Esperanto



Du tagojn ekde la 23a de marto, en la urbo Cheongdo, per la nomo ‘Esperanta Vilaĝo’ okazis la 28a Internacia Kurskunveno de Esperanto. La Internacian Kurskunvenon okazigas du organizoj, Seula Esperanto-Kulturcentro (SEK) en korea flanko kaj Esperanto-Populariga Asocio (EPA) en la japana. 128 partoprenantoj decidis, ke ni starigu Esperantan Vilaĝon, al kiu ĉiu portas sian brikon, kaj en kiu oni ĝuu la plej diversajn scenojn de la vivo kun la sola kondiĉo, ke oni uzu nur Esperanton kiel la vilaĝan lingvon.

**4. Eldono de novaj libroj.**

Kvin novaj esperantaj libroj eldoniĝis. S-ino SHIN Eunsook kaj s-ro BAK Mihong respektive verkis bildlibrojn en Esperanto. D-ro KIM Young Myung kaj prof. KANG Byounghun respektive tradukis du lernolibrojn el la japana. Romanon de Julian Modest elesperantigis 22 lernintoj de SEK (Seula Esperanto-Kulturcentro).

**5. La 100-jara jubileo de KEA (2020) kaj du gravaj eventoj (2019)**

La jaro 2020 markos la 100-jaran jubileon de KEA. Ni havos grandan feston, al kiu vi ĉiuj estas invitataj. Ĉi-jare okazos du renkontiĝoj en suda parto de Koreio. Inter la 6a kaj 9a de junio, Esperantista Asocio de Ŭonbulismo aranĝos la 15an internacian meditadon, en kiu oni praktikas meditadon, faras ekskurson, kaj spertas korean kulturon.

Kaj, inter la 5a kaj 6a de oktobro soleniĝos la 51a Korea Kongreso en la historia urbo Jinju. La kongresejo situas proksime de urbo Busan. Oni festos la festivalon de lanternoj samtempe, samloke.

# Lernolibro

## Aperis la kurda kaj taĝika versioj de lernolibro de Stano

Danke al plurnacia kunlaboro en la kadro de la kontinentaj komisionoj de UEA kaj danke al subvencio de ESF aperis la kurda kaj taĝika versioj de la konata lernolibro de Stano Marĉek. Dankon al ĉiuj kunlaborintoj! Cetere neniam antaŭe aperis lernolibro pri Esperanto en unu el la variaĵoj de la kurda lingvo. La apero de la lernolibroj, tamen, estas nur la komenco de la laboro. Nun oni devas trovi interesiĝantojn en tiuj regionoj kaj verŝajne oni devos sendi la lernolibrojn senpage konsidere de la ekonomia situacio. Ni provos ebligi tion per la Fondaĵo MONA ĉe UEA kaj per la helpo de KAEM rilate Taĝikujon. Helpo fare de ĉinaj esperantistaj kaj neesperantistaj instancoj en la kadro de la politiko La Zono kaj la Vojo estus aparte bonvena.

Renato Corsetti, Komisiono MONA, renato.corsetti@gmail.com

# Singapuro

## Raporto de Singapura Esperanto-Asocio

(Oficiala numero T14LL0276A)

Multajn jarojn antaŭe, la Singapura Esperanto-Asocio ĉesis ekzisti pro manko de la agadoj de la membroj. Mi, Frank Stephan kaj Ray Chew realiĝis al la asocio en 16 Februaro 2014. Ni ankaŭ kreis WhatsApp-grupo kaj nun, Telegramo-grupo. Nia WhatsApp-grupo kreskis pli kaj pli kaj nun ni havas 34 homojn en ĝi. Nia ĉefa agado estas renkonti fremdajn esperantistojn, kiam ili vizitas Singapuron. Jen kelke da niaj fotoj







# Indonezio

## Indonezia Esperanto-Movado: Realigitaj agadoj
**(Aŭgusto 2018 – Aprilo 2019)**

### 1. Enkonduko de Esperanto en la poliglotan renkontiĝon

La 26an de aŭgusto 2018, Indonezia Esperanto-Asocio (IEA) kunlaboris kun Indonezia Poliglota Komunumo en Ĝakarto por enkonduki Esperanton al la membroj, kiuj estas lingvaj entuziasmuloj. La prezidanto de IEA, Ilia, estis invitita kun la membro Arman Yusuf por fari la prezentadon dum 2 horoj.

Ĉeestis 58 homoj, kiuj interesiĝas partopreni la enkondukon de Esperanto, ĉar kelkaj diris, ke ili neniam aŭdis pri Esperanto, kaj aliaj iam sciis ĝin, tamen havis nur malmulte da informo. La prezentado komenciĝis per iom da historio de Esperanto kaj Zamenhof, Esperanto-movado en Indonezio kaj la baza leciono de Esperanto. Post la prezentado, kelkaj entuziasme demandis pri gramatikaĵoj, Esperanto-literaturo, filmoj, muziko ktp., kaj aliaj petis informon pri la Esperanto-kurso. Ni taksas, ke la renkontiĝo sukcese okazis por disvastigi Esperanton al pli da indonezianoj.

### 2. Zamenhofa Tago (Decembro 2018)

La 15an de decembro 2018, ni okazigis la Zamenhofan Feston ĉe "Taman Tebet en Ĝakarto”, kiu estas publika parko. Ĉi-foje nur malmulte da amikoj povis partopreni pro siaj propraj kialoj aŭ neatenditaj aferoj. Komence, du amikoj legis la poemojn de Zamenhof, unu el kiuj havas la titolon "Ho, Mia Kor'". Poste, ni amuze kantis la kantojn "Dankon, Zamenhof" kaj "Esperanto Por Ni". En la lasta parto de la Festo, ni manĝis la Esperanto-torton kaj interbabilis pri Esperantaj sperto kaj movado.

Ni ankaŭ utiligis la ŝancon por propagandi Esperanton al la homoj, kiuj kolektiĝis en tiu parko. Ni proksimiĝis kaj salutis al kelkaj de ili, kiuj afable resalutis nin. Ni tuj prezentis nian agadon kaj demandis, ĉu

ili iam aŭdis pri Esperanto. Evidente ili ne sciis Esperanton. Ni daŭre enkondukis ĝin per simpla informo kaj kuragigis ilin por viziti la retpaĝon de Indonezia Esperanto-Asocio ĉe www.esperanto.or.id kaj aliĝi al niaj sociaj retpaĝoj. Ni ankaŭ disdonis la Esperanto-torton kaj donacon al kelkaj, kiuj jam kuraĝe demandis kaj respondis. La propagadon ni ankaŭ faris al aliaj.



### 3. Baza kaj Meza Kursoj de Esperanto (januaro ĝis majo 2019)

Ekde januaro 2019, IEA malfermis la kurson de Esperanto por komencantoj kaj progresantoj. Aliĝis 5 personoj, kiuj havas malsimilan nivelon. La kursanoj uzas la librojn de "Esperanto per la Rekta Metodo" en Indonezia lingvo kaj "Kunci" (la Ŝlosilo). Ilia gvidas la kursanojn unu fojon monate en la kurskunveno kaj ankaŭ utiligas "Whatsapp" ĉiutage por paroligi kaj praktiki Esperanton.

- **Sekvontaj agadoj**

1. Enkonduko de Esperanto en la vojaĝantan komunumon, "Couchsurfing" Ĝakarto en la komenco de majo/junio 2019
2. E-kampanjo en la Esperanto-Tago en julio 2019
3. Projekto de Esperanto-Retradio komenciĝos en aŭgusto 2019

Ilia Dewi ilia.dewi@gmail.com

# Israelo

## Israela parlamento decidis honori Zamenhof-on

Hodiaŭ - la 1an de aprilo, en Israelo nomata "אפריל של השוטים יום, באפריל האחד" - Israela parlamento (Kneset) unuanime decidis honori la tri plej famajn judojn:

- Jesuo
- Einstein
- Zamenhof

Iliaj vizaĝoj aperos en poŝtmarkoj kaj monbiletoj. La debato pri la rezolucio estis mallonga tamen ŝtorma. Ne ĉiuj interkonsentis pri la proponitaj personoj (tio estas normala afero ĉe judoj). Dum la debato estis prezentitaj multaj aliaj nomoj kaj argumentoj, ekzemple: Karolo Markso, Benedikto Spinoza, Sigismundo Freud, Alfredo Dreyfus, Adamo Michnik..., tamen, fine la voĉo de la ĉefministro Netanjahu konvinkis Knesetanojn.

La unuajn poŝtmarkojn kaj monbiletojn oni eldonos jam en aŭgusto.

Plena informo en la israela revuo „Yediot Aharonot” kaj "The Jerusalem Post":
http://www.ynet.co.il/home/0,7340,L-8,00.html

D-ro Nemen Sogu

## Israela Kongreso kaj Mezorienta kunveno

Okazis la 20-a Israela Kongreso kune kun la Mezorienta kunveno (MONA-kunveno) en Eilat kaj Akaba.

Aliĝis ĉirkaŭ 50 personoj, el kiuj estis ĉirkaŭ 20 eksterlandanoj el 11 landoj. La Israela Kongreso okazos de la 11a – la 14 de aprilo MONA-kunveno la 14an – la 15an, Postkongresa ekskurso P1 al Petra la 15an – la 17an (aliĝis 20), P2 al la Morta Maro, Jerusalemo kaj Tel Avivo la 17an – la 21an (aliĝis 16), P3 al Haifa, Akko kaj Nazareto la 22an – la 24an (aliĝis 8).

Amri Wandel, Prezidanto de ELI

# Uzbekio

## Printempajn bondezirojn el 2760-jara Samarkando!

Ni volus sciigi vin, ke la Internaciaj Letertagoj "Assalom, Navro'z-2019!" - "Saluton, Naŭruzo-2019!" estas okazigitaj sukcese.

Grandnombre alvenis salutleteroj kaj aliaj materialoj el plej diversaj partoj de la terglobo. Pluraj reeĥoj estis publikigitaj en la urbaj, regionaj kaj tutlandaj paperaj aŭ / kaj retaj periodaĵoj. Menciindas, ke la vortoj 'Esperanto' kaj 'esperantistoj' multfoje renkonteblas en la artikoloj.

Vidu la kunsendatajn dosierojn:
- Grandampleksa artikolo subtitole "Assalom, Navro'z-2019!" sonas sur ĉiuj kontinentoj" aperis la 20-an de marto 2019 en la regiona tagĵurnalo "Samarkandskij Vestnik" (paĝo 5). Pro grandeco de la materialo ne eblis skani ĝin, tial la fotita bildo ne sufiĉe bonkvalitas.
La artikolo troveblas ankaŭ en Facebook-paĝo de la ĵurnalo:
https://www.facebook.com/sam.vestnik
https://www.facebook.com/sam.vestnik/posts/840947452917915?__tn__=K-R
- Du-paĝa artikolo subtitole "Festotagajn gratulojn, la mondo!" estas publikigita la 21-an de marto 2019 en la populara familia semajna gazeto "Lady" (paĝoj 24-25) legata en diversaj regionoj de la lando.
- Artikolo "Naŭruzo en ĉiu hejmo, en ĉiu koro" aperis la 22-an de marto 2019 en la tutlanda tagĵurnalo "Narodnoe slovo" (paĝo 3).

Kaj ĉi-subajn retligilojn:
Ampleksa ilustrita materialo subtitole "Naŭruzo paŝas tra la mondo" aperis la 23-an de marto 2019 en Kultura.Uz - landa prikultura reta revuo: http://kultura.uz/view_2_r_13113.html

Artikolo «Assalom, Navro'z-2019!» aperis la 26-an de marto 2019 en SamTur.Uz - urba turisma retejo:
https://samtur.uz/no/88-assalom-navroz-2019.html

Laŭbezone, por kompreni enhavon de la artikoloj, vi povas Esperantigi aŭ nacilingvigi la tekstojn, helpe de Translate.Google.Com (aŭ similaj traduksistemoj).

Ni refoje dankas al ĈIUJ partoprenintoj en nia Naŭruz-festa letertaga projekto, dezirante al vi kaj al viaj proksimuloj agrablan, san-abundan kaj ridetplenan printempon!

Ĉiu tago de via vivo estu kiel Naŭruzo! Amikajn salutojn,

Anatoli Ionesov, Enciklopedia projekto "Samarkandiana"
P.O. Box 76 UZ-140100 Samarkando,Uzbekio
imps86@yahoo.com

# Vjetnamio

## Printempa Renkontiĝo en Hanojo

Hodiaŭ matene, la 3an de marto 2019 ĉe la oficejo de VUAO 105 Quan thanh - strato Hanojo, kunlaborante kun HanEA, VEA organizis ĉiujaran Printempan Renkontiĝon, kaj la ĉi-jara estas la 19a.

Alvenis ĉirkaŭ pli ol 50 esperantistoj el diversaj Esperanto-societoj, kluboj, pli ĝoje, ke 4 eksterlandaj esperantistoj partoprenis; Gabriel el Brazilo, Lzang Shin Yu el Tajvano, Laura kaj Benoit el Francio.

Poste parolis s-ro Nguyen Van Loi, prezidanto de VEA, pri preparado por la 9a Ak venontaprile. Preskaŭ ĉio estas preta por la sukceso de granda Esperanto-evento.

Partoprenantoj senĉese kantis, dancis, gustumis fruktojn, kukojn, trinkaĵojn. Komunajn fotojn oni faris multe.

Raportas Ha Nguyen

**Ĉinio**

# Du gravaj eventoj okazis en Liaoning

Je la 9-a horo, sabate, la 5-an de januaro 2019, okazis la 11-a Liaoning-a Kongreso de Esperanto en Instituto de Fremdlandaj Lingvoj de Shenyang-a Universitato, Ĉinio, kaj koincidis la fondiĝo de Liaoning-a Esplora Bazo de Esperanto. Ilin ĉeestis pli ol 60 esperantistoj el la provinco. Oni elektis profesorinon kaj doktorinon Wang Yan kiel novan prezidanton de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA) . Docento Pan Chengbo, konstanta vic-ĝenerala sekretario prezidis.

La instituto, kiun prezidas Prof. d-rino Wang Yan, fondiĝis en 1980 kaj establis multajn departementojn, inkluzive de fakultato de angla lingvo, fakultato de japana lingvo, fakultato de rusa lingvo, Instituto de Ĉina kaj Okcidenta Kulturo kaj Eduko ktp. Ĝi havas longan kaj amikecan kunlaboron kun multaj universitatoj en Britio, Japanio, Rusio kaj Usono. En la jaro 2006 ĝi enkondukis Esperanton kiel nedevigan studobjekton kaj tiam kreis en la mondo Esperanto-instruan kordon, ke pli ol 600 studentoj partoprenis en la kursoj, ĝis nun ankoraŭ aktivas Esperanto-organizo de studentoj, nome Esperanto-societo de Shenyang-a Universitato.

En la kongreso s-ino Jiao Xiyang voĉlegis gratulajn leterojn i.a. el la eksa prezidanto de UEA Renato Corsetti, s-ino Alessandra Madella el Italio, s-ino Nina Danylyuk el Ukrainio, s-ro Adjévi Adjé el Togolando ktp. S-ro Wu Guojiang faris la raporton pri Esperanto en kvardek-jara reformo kaj pordomalfermo de Ĉinio por Liaoning. S-ro Liu Enwei prezentis biografieton de d-ro Zamenhof, kreinto de Esperanto. S-ro Liu Zhengkun resumis la laborojn de LEA en la pasintaj laboroj.

Prof. d-rino Wang Yan faris bonvenajn vortojn kaj donis al la estonta laboro de la asocio kvin konsiderojn. La unua estas **konstruado de organizo**. Ĝi emfazas (re)fondon kaj evoluon de Esperanto-asocioj en urboj krom la interna konstruado de la provinca asocio mem; La dua estas **skala evoluo**. Ĝi klare intencas altiri amason da instruistoj kaj studentoj al la asocio por multigi membrojn, espereble ili fariĝos la ĉefa

forto progresigi la asocion. La tria estas **enhavo-ekstenso**, kiu celas ne nur disvastigon kaj semadon de Esperanto, sed enhavon de aliaj naciaj lingvoj kiel ĉina, angla, japana, rusa, germana, franca, korea ktp. por diferenco, kunfandiĝo kaj kunekzisto de la mondaj lingvoj. Sekvas **disvastigo de Esperanto**, kiu substrekas konstruadon de Esperanto-platformo per establo de ĝenerala Esperanto-kursoj en altlernejoj kaj per funkciigo de Esperanto-kursoj en komunumoj kaj



lernejoj, kaj esploron kaj produktadon pri mikro-kurso de Esperanto sur reta video. La lasta falas je **akademiaj esploroj**. La asocio sufiĉe utiligos la du platformojn Liaoning-a Esplora Centro pri Eduko kaj Kulturo de Esperanto en en la Orienta Liaoning-a Universitato kaj Liaoning-a Esplora Bazo de Esperanto en Shenyang-a Universitato, kaj profunde studos akademiojn koncernajn al Esperanto kaj kreos multajn ŝancojn de akademiaj interŝanĝoj por altigi nivelon de produktado, eduko kaj esploro.

Poste sep studentoj el la societo prezentis por la kongresanoj la programon de " la lingvoj de La mondo", t.e. ili prezentis la originalon kaj evoluon de Esperanto per 7 lingvoj ĉina, Esperanto, angla, japana, rusa, germana kaj franca. La kongreso finiĝis en la himno "La Espero".

Wu Guojiang
Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio. ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com

# Mia vivo por Esperanto post emeritiĝo

**Indu Devi Thapaliya**

(Prezidanto de Nepala Esperanto-Asocio)



Mi laboras kaj volas plilabori por Esperanto kaj por ĝia floriĝo en Nepalo kaj en aziaj landoj kaj en aliaj lokoj. Mia revo estas konstrui propran E-domon en la tereno de Nepala Esperanto-Asocio, por ke Nepalo estu centro de Esperanto en Suda Azio kaj estu bela turisma loko por esperantistoj en la mondo. Mi lernis Esperanton por scii kaj lerni multajn aferojn de diversaj landoj kaj kolekti ideojn por plibonigi la landan agadon.

Mi ekde kelkaj jaroj kiel estrarano de NEspA laboris kaj daŭre laboras por NEspA kaj ankaŭ ekde 2006 ĝis 2009 mi reprezentis Nepalon en la Azia Komisiono de UEA (KAEM). NEspA estis landa asocio de UEA ekde 2006 kaj mi estis la unua KAEM-ano de Nepalo. Mi instruas Esperanton en diversaj lokoj. Homoj, al kiuj mi prelegis pri Esperanto kaj ĝia potenco, valoro kaj utileco, serioze diris al mi, "Ĝi estas taŭga lingvo por nia lando". Fakte kiel ĝia facileco kaj egaleco ĝi estas taŭga por homaro. Mi havas la taskon en 'Virina Agado', kiam mi estas registrita kiel membro de UEA. De 6 aŭ 7 jaroj mi gvidas NEspA-n kiel prezidanto. NEspA situas en kvartalo Thamelo en la centro de Katmanduo. Por pli da informoj turnu vin al nespa.1990@gmail.com.

Al Nepalo Esperanto jam venis en 1957. Vizitis Nepalon Tibor Sekelj kaj instruis la lingvon. Aperis lia libro 'Nepalo malfermis la pordon'. Tio rezultigis fondiĝon de Katmandu-Esperanto-Societo. Poste venis Simo Milojević kaj li longe restis en Nepalo kaj instruis Esperanton kaj lernis iomete nepalan lingvon. Mi renkontis lin en

Roterdamo en iu kunsido dum la UK. Li tiel ĝuis renkonti min, pro tio, ke mi venis de tiel bela lando, lia konata lando Nepalo, kaj li komencis ekscitite paroli kelkajn minutojn pri Nepalo, tiel ke la kunsido haltis. Li estis maljuna, tamen li memoris nepalajn frazojn, ekzample "Saluton, Mia nomo estas…, kio estas via nomo..?" ktp. Kaj li bone skribis lian nomon nepallingve. Dum lia loĝado li instruis Esperanton, sed la movado ne bone funkciis.

Ni, kiuj kune lernis Esperanton en 1990, starigis la nunan asocion NEspA. Ekde tiam ĝis nun ni instruis multajn studentojn, okazigis diversajn programojn, kaj propagandis. Okazis kursoj en Katmanduo kaj en orienta kaj suda Nepalo ankaŭ diverstempe. NEspA organizis piknikon kaj tuttagan ekskurson por enlandaj esperantistoj kaj eternaj komencantoj. Nepala Esperanto-Junulara Organizo, Meĉi-Esperanto-Societo kaj Orient-nepala Esperanto-Societo daŭre kontribuas por antaŭenigi la landan movadon. Antaŭ kelkaj jaroj ekzistis Esperanto-kluboj en urboj Pokhara kaj Ŝimara, sed pro diversaj malfacilaĵoj ili ne funkcias nuntempe. Sed en Pokhara, fama kaj belega turisma loko, estas kelkaj esperantistoj kaj ili kore bonvenigas gastojn kaj interesiĝas plu kaj lernas, propagandas kaj aranĝas kursojn.

Kiam mi estis registrita kiel membro de UEA, mi laboris por virina agado. Ekde tiam mi propagandas precipe al virinoj. Kelkaj jam komencis lerni antaŭ kvin aŭ ses jaroj kiel membroj de NEspA kaj foje partoprenis en la programoj. Ili amas Esperanton kaj parolas kelkajn frazojn. Ĉi-jare ili fariĝis dumvivaj membroj de NEspA.

Post mia emeritiĝo de Nacia Banko de Nepalo mi tuj komencis kurson precipe por virinoj, ĉar ili venigis min en tiun bankon. Ankaŭ estas kelkaj viroj. Ili ĉiuj estas emeritoj de la sama banko kune kun mi kaj kelkaj plifrue emeritiĝintaj homoj atendis min por lerni. Do kiel feliĉe ili lernas, kaj baldaŭ mi komencos instrui la lingvon en iu privata mezlernejo starigita de miaj kuz-gefratoj. Tiuj samlaborantoj de la banko de longe vidis mian aktivecon, ekzemple enlandajn kaj eksterlandajn vojaĝojn, amikecon kaj tiel plu. Do nun mi estas iom kontenta, ke virinan agadon mi plenumis kaj altigis.

Kelkaj inter ili jam verkis mallongan artikolon nepale pri sia

Esperanto-vivo por nia 'Montejo', kiu aperis dum la pasinta Speciala Ekskurso, kaj kelkaj ankaŭ komencas skribi. En ilia artikolo ili menciis, ke ili estis inspirita de mi. Kelkaj jam unuan fojon partoprenis en la *Sumoo*, mi kuraĝigas ilin daŭre legi. Ĉi-foje de miaj lernantoj pli ol dudek jam fariĝis dumvivaj membroj, tio estas kuraĝigo kaj profito al NEspA. Inter ili kvar virinoj jam partoprenis en ILEI en Hispanio, UK, kaj IJEK en Portugalio, kaj spertis multon, amas Esperanton pli. Unu estis junulino kaj dum Internacia Arta Vespero prezentis nepalan belegan dancon. Antaŭe mi ĉiam prezentis ĝin sola pro manko de aliaj. Ĉi-foje mi helpis ŝin registriĝi kaj sentis iom kontenta.

Nepalo fakte estas tre unika lando en la mondo. Ni havas riĉajn kaj diversajn kulturojn, naturojn, religiojn, festojn, kiuj estas tre interesaj por alilandanoj. Ni havas tiom da kortuŝaj aferoj, tial homoj, kiuj unufoje tuŝis la landon kaj revenis hejmen kun plenplenaj okuloj kaj koro kun neforgeseblaj memoroj kaj interesaĵoj, volas refoje aŭ daŭre multfoje venis al Nepalo. La bela ekzemplo estas s-ro Hori Jasuo el Japanio. Li jam pli ol 15 fojojn vizitis kaj daŭre vizitas kun japana grupo. Li diris iam kortuŝan aferon al mi dum nia vojaĝo. Li diris, "Indu, se mi mortos en Nepalo, ne sendu mian kadavron al Japanio", kaj mi demandis lin "Kion mi faru?" kaj li tuj diris, "Bruligu min kaj forĵetu la cindron en belegan naturon".

Estas simile entuziasmaj homoj pri Nepalo, ekzemple Franciska Raisel el Germanio, Peter Wraae el Danio, Liba kaj Floreal el Francio, Maria Bhutan el Rumanio, Ha el Vjetnamio, Peter Kuhnel el Germanio ktp. Ili jam vojaĝis plurajn fojojn kaj volas daŭre viziti la landon. Nepalo estas tiel bela kaj nepalanoj estas tiel ridemaj, gastigemaj kaj dancemaj. Por bone bonvenigi homojn kaj aranĝi bonan programon, ni devas pli vastigi la lingvon kaj altigi la landan agadon, kaj kune, senlace labori.



# Libroj




## Krabŝipo （蟹工船）

"Krabŝipo", proleta novelo verkita de Kobajaŝi Takiĵi, estis eldonita en 1929. Ĝi estis longe forgesita, sed en decembro 2008 ĝi subite revivis, ĉar en tiu jaro ekestis multaj maldungitoj kaj senlaboruloj, kiuj devis loĝi en parkoj en grandaj urboj. Al multaj homoj ŝajnis, ke tiuj homoj similas al laboristoj en krabŝipoj.

Krabŝipoj estis ŝipoj, sed samtempe fabrikoj, en kiuj oni faras ladskatolojn da krabaĵoj. La ŝipoj iris al la fora malvarma maro proksime de Rusio, tial kapitalistoj povis libere kaj severe laborigi la fiŝistojn kaj laboristojn. Fiŝistoj devis kapti krabojn eĉ en ŝtorma maro, kaj laboristoj en la ŝipo boligis kaj dismembrigis krabojn, elprenis kaj enskatoligis krabviandon ekde frumatene ĝis malfrua nokto. Ŝipanoj kaj laboristoj malsaniĝis kaj vundiĝis, kaj iuj mortis. La verkisto realisme priskribis iliajn vivadojn. Tamen tia laborado ankoraŭ okazas en la nuna japana socio. Du tradukistoj esperas, ke multaj homoj legos tiun verkon kaj batalos kontraŭ la nuna socio, kiu permesas tian sklavan laboron.
Formato: A5, 160 paĝoj, prezo: 8 eŭrojn

## Bild-taglibro pri la katastrofo en 2011




La aŭtoro HORI Jasuo ofte vizitis la damaĝitajn urbojn de la cunamo kaj la nuklea akcidento en 2011. Kiam li revenis hejmen, li faris desegnaĵon pri la vojaĝo. Li faris tiun ĉi libron el tiuj kaj eseoj en la japana kaj Esperanto. Ĉiuj desegnaĵoj en koloroj estas plenaj de lia varma koro al la suferantoj kaj emocias legantojn. Formato: A4, 48 paĝoj. Prezo: 8 eŭroj
* Mendu ambaŭ librojn ĉe HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

### 2019

06/29-07/06 : Nord-Amerika Somera Kurso (North Carolina, Usono)
07/06-14 : La 55-a Baltaj Esperanto-Tagoj (Panevezys, Litovio)
07/13-20 : La 52-a Kongreso de ILEI (Ĉaĉak, Serbio)
07/20-27 : La 104-a UK (Lahtio, Finnlando)
07/28-08.12: Esperanto-Karavano 2019 –
Postkongresa Esperanto-Karavano tra Rusio, Mongolio, Ĉinio
07/28-08/04 : La 75-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) de TEJO (Liptovsky Hradok, Slovakio)
08/04-11: La 92-a Kongreso de SAT (Barcelono, Hispanio)

**Internacia Esperanto-Sumoo**

la 58a Sumoo : 2019/05/12-26
en julio ne okazos la Sumoo.
la 59a Sumoo : 2019/09/08-22
la 60a Sumoo : 2019/11/10-24

Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo
Fejsbuko:
https://www.facebook.com/groups/759066970888217/?fref=ts

## Azio kaj Oceanio

### 2019

04/25-28 : La 9a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto (Da Nang,Vjetnamio)
04/29-05/03: La 37a Komuna Seminario (Da Nang, Vjetnamio)
05/11: La 21a Tago de Pioniro (KEA-oficejo, Koreio)
05/18-19 : La 93a Kjuuŝuua Esperanto-Kongreso (Mijazaki, Japanio)
05/25-26 : La 68a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)

06/01-02 : La 67a Kansaja Esperanto-Kongreso (Uĵi, Japanio)
06/06-09: La 15a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado (loko ne decidita, Koreio)
06/22-23: Mez-grada Esperanto-seminario (Saitama, Japanio)
07/06-07: Somera kursaro de KEA (Yuseong Junulara Gastejo, Koreio)
08/24-26: Nur-Esperanta Kunvivado (Jamanaŝi, Japanio)
09/13-20: Ekskurso al Irano (Boruĝerd, Irano)
09/14-16: Tagoj de Jacugatake-Esperanto-Domo (Jamanaŝi, Japanio)
10/05-06: La 51a Korea Kongreso de Esperanto (Jinju, Koreio)
10/12-14: La 106a Japana Esperanto-Kongreso (Saitama, Japanio)
10/14-18: La 5a Sud-Azia Seminario (Katmanduo, Nepalo)
10/18-24: La 4a Speciala Renkontiĝo (Katmanduo, Nepalo)
10/26-27: la 20a Ĉuugoku-Ŝikoku Esperanto-Kongreso (Kagaŭa, Japanio)
11/?-?: La 39a Namkang Esperanto-Lernejo (Namkang, Cheongdo, Koreio)
12/14: La 160a Zamenhof-Tago kaj la 2a Tago de Esperanto-Libro (loko ne decidita, Koreio)

**Retpaĝoj de KAEM**

(1) La retejo de KAEM. http://www.esperantoazia.net/
(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm
Klarigo pri la membriĝo al la retejo
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356
(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?
A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novajxo
B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado
C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj

## Pri "Membriĝo al UEA" pere de KAEM

Por 2019 multe ŝanĝiĝis la kotiz-sistemo de membriĝo al UEA por faciligi pagon de la membro-kotizo laŭ la grado de nacia produkto. Ekzemple nepalanoj povas rete aboni la revuon "Esperanto" kontraŭ du eŭroj.

Ni ankoraŭ ne elpensis novan manieron adaptigi la projekton C de KAEM (pri membriĝo) al la nova kotiz-sistemo. Tial ni provizore anoncas jene:

"Ŝanĝiĝis membro-kotizoj de UEA por ke pli facile povu mem membriĝi gesamideanoj en landoj de malforta valuto. Vidu la retejon de UEA por scii la kotizon kaj unue juĝu, ĉu vi povos mem pagi ĝin. Se ne, kanditatiĝu al Projekto C de KAEM aŭ Fondaĵo Canuto."

*Kotiztabelo de UEA 2019

https://uea.org/alighoj/kotiztabelo

INUMARU Fumio (Vicprezidanto de KAEM)

………………………………………………………………………………

**Esperanto en Azio kaj Oceanio**
Eldonanto: Azia-Oceania Komisiono de UEA (KAEM)
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAEM:
Retejo de KAEM : http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Japanio 371-0825 Gunma-ken, Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3

**Ekde julio 2019**
Redaktoro: KAŬAMOTO Hiromi (s-ro), anatiti.7@gmail.com
Japanio 350-1307 Saitama-ken, Sajama-ŝi, Gion 21-32